# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Majo n-ro 5/2010


## PREZIDANTO PASSINI VIZITAS LA KONGRESAN URBON KAJ LA SIDEJON DE LA LIGO

En ĉi tiu monato majo nia senlaca Prezidanto José Passini vizitis la urbon Campo Grande/MS, kie okazos la proksima Brazila Kongreso de Esperanto. La Loka Kongresa Komitato, kiu fervore laboras por la sukceso de nia plej grava evento en la jaro, konsideras, ke tiu persona ĉeesto en la urbo grave helpas kaj stimulas la lokajn aktivulojn. Post kelkaj tagoj, Passini flugis al Brasília, por lokaj administraj kaj organizaj agoj. Dum siaj vojaĝoj, li krome plurfoje prelegas kaj informas pri Esperanto. Prezidanto Passini klare esprimas sian opinion, ke prioritata agado en Brazilo estas informi la ĝeneralan publikon pri la fenomeno Esperanto.

## NOVA ESTRARO ĈE KULTURA KOOPERATIVO DE ESPERANTISTOJ

Dum la Ĝenerala Asembleo de Kultura Kooperativo de Esperantistoj, okazinta en la 31-a de Marto 2010, estis elektita la nova estraro de la institucio por la periodo Aprilo 2010 – Marto 2013. La novaj estraranoj: Givanildo Ramos Costa (Prezidanto), Álvaro Borges de Almeida Motta (Vic-Prezidanto), Almir Ferreira (Unua Sekretario), Marilene de Azevedo (Dua Sekretario), Rosana Caramez (Kontrola Komitato), Romeu Kozo Hatushika (Kasisto), Jair Salles (Anstataŭanto), Jurguy Monteiro Scherpel (Anstataŭanto). Ni deziras al la grupo fruktodonan laboron.

## VETERANO INĜ. ALBERTO FLORES OMAĜITA PER LA REVUO "ESPERANTO"

Iuj homoj meritas specialan konsideron de la Esperantista komunumo. Inĝ. Alberto Flores, kiu naskiĝis en la ŝtato Rio Grande do Sul kaj loĝas en Volta Redonda de multaj jaroj, estas tiaspeca homo. Senlace, fidele, serioze kaj entuziasme li informas pri nia lingvo kaj movado kaj instruas nian lingvon en sia urbo.
La lasta numero de la revuo Esperanto de UEA (majo 2010) aperigis laŭdan mencion al la laboro de nia brazila samideano. Ni aldonas al la raporto nian sinceran kaj dankan gratulon al la eminenta veterano.

## DE LA KONATA INSTRUISTO-AŬTORO, NI RICEVIS LA JENAN MESAĜON:

"Karaj geamikoj, mi invitas vin ĝoji kun mi pro la publikigo de la dua volumo de la verko Esperanto por Lernejaj Klasoj, kiun mi verkis. La disko, kiu akompanas la verkon estas finpretigata. Mi esperas baldaŭ lanĉi ĝin. Mi petas, ke vi vizitu la retejon de ILEI, kie Katalin Kovats aperigis vastan, favoran analizon pri la verko: http://www.edukado.net/katalogo/22786. Josias Ferreira Barboza(jofobo@ig.com.br)."

### PASSINI VAI A CAMPO GRANDE E BRASÍLIA

Neste mês de maio, o Presidente da Liga Brasileira de Esperanto José Passini visita Campo Grande/MS, cidade que sediará o próximo Congresso Brasileiro de Esperanto. A Comissão de Organização local do Congresso considera importante a presença do líder do movimento Esperantista para o sucesso do evento. Em seguida, Passini viaja a Brasília, onde fica a sede da Liga, para ações administrativas.

### NOVA DIRETORIA NA COOPERATIVA CULTURAL DOS ESPERANTISTAS

Em assembleia geral ocorrida em março de 2010, a entidade elegeu nova diretoria para o período 2010-2013. Presidente Givanildo R. Costa; Vicepresidente Álvaro B.A.Motta, Primeiro Secretário Almir Ferreira. Sucesso!

### ALBERTO FLORES HOMENAGEADO PELA UEA

Algumas pessoas merecem consideração especial por parte da comunidade Esperantista. É o caso do veterano Esperantista Eng. Alberto Flores, nascido no Rio Grande do Sul e radicado há décadas em Volta Redonda/RJ. Há muitos anos ele se dedica com entusiasmo à divulgação e ensino do Esperanto. O número de maio de 2010 da revista "Esperanto", da Associação Universal de Esperanto publica reportagem sobre o veterano ativista. Parabéns!

### NOVO VOLUME DO MÉTODO DE JOSIAS BARBOZA

O conhecido professor, que mora em Brasília, nos envia mensagem informando sobre a iminente publicação de mais um volume de seu método "Esperanto en Lernejaj Klasoj". O sítio da Liga Internacional de Professores de Esperanto elogiou a obra. Leia mais:

http://www.edukado.net/katalogo/22786

E VOCÊ? JÁ SE INSCREVEU NO 45º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO?

Para mais informações visite: http://esperanto.org.br

# BEL informas

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Majo n-ro 5/2010

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

## TREJNADO DE INSTRUISTOJ EN RIO

Márcio S. Nascimento, aktiva kaj entreprenema movadgvidanto en Rio daŭrigas jam tradician kaj altvaloran eventon. Ĉi-jare, la 25-an de aprilo, li kunordigis la 12-an Trejnadon de Esperanto-Instruistoj, en la kadro de Esperanta Kunfratiĝo de Okcidenta Regiono. Dum la tuta dimanĉo okazis altnivelaj pedagogiaj prelegoj kaj ekzamenoj, kun la apogo de Brazila Esperanto-Ligo, Kultura Kooperativo de Esperantistoj kaj Asocio Esperantista de Rio de Janeiro. Ĉeestis eminentuloj: Geraldo Matos, Fracisco Wechsler, Nazareth Larocca, Elmir Santos kaj Jair Salles. Imitinde!

## REVUO DE LEGIO DE BONA VOLO OMAĜAS VIRINOJN

Freŝdate la esperanta fako de Legio de Bona Volo (LBV) pluan fojon surprizis la esperantistaron per aperigo de plia luksa kaj riĉenhava eldono de sia revuo BONA VOLO, kiu ĉi-numere prezentas specialan omaĝon al la virinoj. 16 distingindaj virinoj, inter kiuj Eleanor Roosevelt, Gabriela Mistral, Bibi Ferreira, Maria Quitéria kaj Cecília Meireles, estis elektitaj de la omaĝanto, la ĵurnalisto José de Paiva Netto, por reprezenti ĉiujn virinojn - ĉu la anonimajn, ĉu tiujn kiuj elstare partoprenas en la gravaj decidoj de la socio. Krom Esperante, la revuo BONA VOLO Virino estas legebla en pliaj kvar lingvoj: angle, france, hispane kaj portugale. www.bonavolo.com.

## "TELESKOPO": ĈIAM BONVENAS SCIENCA LITERATURO EN ESPERANTO

www.teleskopo.com – jen la retejo de nova scienca publikaĵo en Esperanto. Ĝi meritas nian atenton kaj vizitojn. Ĝi proponas aperigon de artikoloj pri diversaj fakoj, senpage elŝuteblaj. La ĉefa kriterio estas la graveco inter la sciencaj kampoj, kun apogo de filozofio de sciencoj, sen kio ne eblas funda kompreno. La redaktoro saĝe analizas, ke la Internacia Lingvo estas ideala por tia valorigo de scienco. Kontaktu: redaktoro@teleskopo.com.

## NOVA KURSO EN MACAÉ / RJ

La aktiva Angela Faria (ni ĉiuj memoras la Brazilan Kongreson en Juiz de Fora!) aktivas en la urbo Macaé / RJ: Ĉe "Lar de Maria", ŝi proponas bazan kurson de Esperanto en tri klasoj – merkrede, vendrede kaj sabate. Unua enkonduka leciono je la 5-a de majo 2010, kun la prezento "Kio estas Esperanto", alfabeto, unuaj vortoj kaj kanzonoj. Lernomaterialo disdonata en la dua leciono. Kontaktu ŝin: afariajf@gmail.com (tel. 22-8834-3801).

## DOLORES DURAN EN ESPERANTO

En Rio, ĵurnalo "O Dia" informis, je la 19-a/04/2010, ke muzikeldonejo EMI relanĉas kanzonojn de la fama kanzonistino Dolores Duran. Kelkajn malnovajn registrojn ŝi faris en pluraj lingvoj, inkluzive de Esperanto. (Informis A. Sartorato, Rio).

### TREINAMENTO DE PROFESSORES NO RIO

Márcio S. Nascimento, ativo líder Esperantista no Rio, prossegue com mais uma edição do valioso Treinamento, dentro da programação da Confraternização Esperantista da Região Oeste. Foi todo um domingo de palestras pedagógicas e exames, com apoio da Liga Brasileira de Esperanto, Cooperativa Cultural do Esperantistas e Associação Esperantista do Rio de Janeiro. Participaram G. Mattos, F. Wechsler, N. Larocca, E. Santos e J. Salles.

### LVB HOMENAGEIA MULHERES

A Legião da Boa Vontade, que desde sua fundação, por força de estatuto, apóia o Esperanto, acaba de publicar um luxuoso número da Revista Boa Vontade, com vibrante homenagem às mulheres. A publicação foi editada em Inglês, Francês, Espanhol, Português e Esperanto: www.bonavolo.com.

### "TELESKOPO": CIÊNCIA EM ESPERANTO

www.teleskopo.com – eis o endereço de nova publicação de artigos científicos variados em Esperanto, com apoio de filosofia da ciência. Redação:

redaktoro@teleskopo.com.

### NOVO CURSO EM MACAÉ / RJ

A ativa Esperantista Ângela Faria (quem não se lembra do magnífico Congresso Brasileiro de Esperanto, em Juiz de Fora?) anuncia novo curso básico de Esperanto na cidade fluminense. Início em 5 de maio de 2010, com palestra "O que é o Esperanto?", alfabeto, primeiras palavras e música. Faça contato:

afariajf@gmail.com (22-88343801).

### DOLORES DURAN EM ESPERANTO

Segundo o jornal "O Dia", do Rio, gravadora EMI está relançando toda a obra de Dolores Duran, inclusive com canções em Esperanto. (Informou A. Sartorato, Rio)

**Rapide alproksimiĝas la Brazila Kongreso de Esperanto en Campo Grande/MS**

**Pliajn informojn ĉe http://esperanto.org.br**